# GAŬĈA ESPERANTISTO

NUMERO 7 3a DE LA 2a JARO SOMERO 1993 eks-JES JA!
Porto Alegre, Rio Grande do Sul, Brazilo




VERDA KAFO

LA PLEJ TRADICIA E-EVENTO OKAZANTA EN PORTO ALEGRE

Restoracio Tutty's

Centro Comercial Independência

**En la lasta sabato de la monato**

Ekde la 16h


Shirley MacLaine



NOVA ERAO

## ARTISTOJ DE HOLLYWOOD KREDAS JE REENKARNIĜO

Surbaze de Planeta/Time

Esploro de Instituto Gallup en 1982 montris, ke 32% el la usonanoj kredas je reenkarniĝo. Eĉ multaj steluloj de Hollywood kaj aliaj famuloj firme kredas pri la ideo, ke oni jam vivis aliajn personecojn en aliaj korpoj en la pasinteco.

La aktoro Glenn Ford asertas, ke li vivis en Romo, kie li mortis kiel kristana martiro. Shirley MacLaine kaj Sylvester Stallone diras, ke ili estis senkapigitaj en epokoj ne tiel facilaj. Multaj artistoj komencas memori pri pasintaj vivoj post kiam ili submetiĝas al kuracado pere de hipnoza retroiro - la terapio de pasintaj vivoj (TPV), ĉar ili suferas pri tensioj aŭ nesolveblaj malsanoj laŭ la konvencia medicino.

Glenn Scarpelli, stelulo de la filmo "One Day at a Time", diras, ke li sentis sin pli fidplena post kiam li sciiĝis, ke li estis iu ŝekspira aktoro en la 18a jarcento.

Shirley MacLaine, kiu verkas librojn pri siaj pasintaj vivoj kaj spiritualismiĝo, perdis la timon pri la scenejo post kiam ŝi sciiĝis, ke ŝi estis senkapigita. Laŭ la eltrovoj dum la retroiroj ŝi estis senkapigita pro tio ke ŝi rakontis maldecajn rakontojn en la kortumo de la reĝo Luizo la 15a kaj ŝia filino Sachi estis ŝia patrino en alia enkarniĝo.

Sylvester Stallone asertas, ke li estis gilotinita dum la Franca Revolucio kaj raportas interesan detalon: ne estas doloro kiam la kolo estas eltranĉita; oni nur sentas ion kiam la kapo falas en la plankon. Stallone ankaŭ rilatigas al alia ekzisteco sian denaskan konon pri hindaj dancoj.


**Redaktas:** César Dorneles Soares. **Redakcia adreso:** Mal. Frota, 278, BR-91350 Porto Alegre, RS, Brazilo. **Abonu** 3 numerojn kontraŭ 6 poŝtmarkoj por nacia letero. **Oni petas interŝanĝon.**

AMAS-KOMUNIKILOJ

# REDE DE MANIPULAÇÃO/ RETO DA MANIPULACIO

No dia 12 de setembro de 1992, na sede do jornal *O Globo*, no Rio de Janeiro, Luís Inácio Lula da Silva, o candidato a presidência derrotado no segundo turno das eleições de 1989, manteve um histórico encontro com o empresário Roberto Marinho, aquele que foi, individualmente, o maior responsável por sua derrota. O encontro foi cordial e Marinho, que tomou a iniciativa de convidar Lula, admitiu algo aterrorizante, que há muito vinha sendo denunciado e só foi recebido com naturalidade num país com uma sociedade atordoada com a revelação de tantas atrocidades e aberrações. A *Rede Globo* foi mesmo usada sistematicamente a serviço da eleição de Collor.

Mais do que admitir o apoio a Collor, Marinho assumiu a paternidade da sua existência pública nacional. "Quer saber de uma coisa, Lula? O Collor só existe na vida da República por sua causa", disse o dono da quarta maior rede privada de televisão do mundo, "ameaçado por você e pelo Brizola, este, raivoso, fazendo as maiores ameaças, pensei no destino dos sobreviventes do meu país e nas famílias dos meus companheiros do *Globo* e da *TV Globo* e resolvi enfrentar as feras". Foi assim que, para se assegurar a preservação da *Globo*, o Brasil foi ludibriado com a impostura de Collor de Mello.

As palavras de Roberto Marinho não esclareceram tudo o que foi tramado e praticado pela Rede Globo, mas certamente foi muito além da célebre e reconhecida manipulação da edição do debate final Collor/Lula, no *Jornal Nacional*, na véspera da eleição. Essa revelação aumenta a importância de vários trabalhos, produzidos em diversas Universidades do país, que demonstram a mobilização de novelas (***Vale Tudo, Salvador da Pátria*** e ***Que Rei Sou Eu?***) para a criação de um clima psicossocial favorável à produção da imagem e do ***marketing*** do "Caçador de Marajás".

Essas revelações também devem tornar objeto de interesse de pesquisadores e da sociedade a veiculação da série ***Anos Rebeldes***, produzida às pressas pela Rede Globo e que teve, sem nenhuma dúvida, decisivo papel para ativação da juventude. Com seu imaginário sacudido, a juventude passou a encarnar uma reedição do movimento estudantil que não tinha nenhuma base de retomada. Isto é, através da introdução de um impulso psicossocial, um elemento puramente artificial, a ***Rede Globo*** reergueu a mobilização estudantil depois de mais de uma década de completa estagnação e, através dos estudantes nas ruas, impulsionou um desfecho para a crise.

Com a série *Anos Rebeldes*, além de defrontar a juventude com seu país - depois de mais de uma década de estagnação do movimento estudantil - colocou-se as Forças Armadas na defensiva e abortou-se qualquer justificativa para uma solução vinda dos quartéis. Por outro lado, demonstrou-se a potencialidade conscientizadora e constituinte da cidadania que pode ser cumprida pela televisão, independente dos fins particulares que podem ter motivado tal orientação.




En la 12a de septembro, 1992, ĉe la sidejo de la ĵurnalo O Globo, en Rio-de-Ĵanejro, Luís Inácio Lula da Silva, la kandidato al la prezidenteco venkita en la dua balot-etapo de la elektoj en 1989, havis historian rendevuon kun la entreprenisto Roberto Marinho, tiu kiu estis individue la plej granda respondeculo pri lia malvenko. La renkonto estis afabla kaj Marinho, kiu respondecis pri la iniciato inviti Lula-n, akceptis pri io teruriga, kio delonge estis denuncata kaj nur estis ricevita nature en iu lando kun iu socio konsternita pro la revelacio pri tiom da krimoj kaj aberacioj. TV-Reto Globo ja estis sisteme uzita je la servo de la elekto de Collor.

Pli ol la akcepto pri la apogo al Collor, Marinho konsentis pri sia "patreco" pri lia nacia publika ekzisteco. "Ĉu vi volas sciiĝi pri io, Lula? Collor nur ekzistas en la vivo de la Respubliko pro vi", diris la posedanto da la kvara plej granda televida reto en la mondo, "minacata de vi kaj Brizola, tiu ĉi, kolerema, farante la plej grandajn minacojn, mi pensis pri la destino de la postvivantoj de mia lando kaj pri la familioj de miaj kunuloj de O Globo kaj tiuj de TV Globo kaj mi decidis fronti la "sovaĝajn bestojn". Tiamaniere, por certigi la antaŭgardon de Globo, Brazilo estis trompita pere de la tromp-artifiko nomata Collor de Mello.

La vortoj de Roberto Marinho ne klarigis ĉion kio estis komplotita kaj farita de TV-Reto Globo, sed certe io plie okazis krom la fama manipulacio da la eldono pri la fina debato Collor/Lula en Jornal Nacional en la

antaŭtago de la balotado. Tiu revelacio pligrandigas la gravecon de variaj laboraĵoj produktitaj en diversaj universitatoj en la lando, kiuj demonstracias la mobilizon de fikciaj serioj (Vale Tudo, Salvador da Pátria kaj Que Rei Sou Eu?) por la kreado de iu socia etoso favora al la merkatumo de la "Ĉasisto de "Maharaĝoj"".

Tiuj revelacioj ankaŭ devas fari stud-objekto de esplorantoj kaj de la socio la prezentadon de la serio Anos Rebeldes, haste produktita de Reto Globo kaj kiu ludis sendube decidan rolon por la aktivigo de la junularo. Pro ĝia imagaro instigita, la junularo ekenkarnigis iun reviglîĝon de la studa(e)nta movado kiu havis nenian bazon por restariĝo. Tio estas, pere de la enkonduko de iu psikosocia impulso, iu elemento tute artefarita, Reto Globo restarigis la studantaran mobilizon post pli ol unu jardeko da tuta stagneco kaj, pere de la studantoj surstrate, ĝi impulsis iun solvon por la krizo.

Per la serio Anos Rebeldes, krom la frontigo de la junularo al ĝia lando - post pli ol unu jardeko da stagneco - oni igis la Nacian Militistaron resti en la defensivo kaj oni abortis ian sinpravigon por solvo devenita el la kazernoj. Aliflanke, oni demonstraciis la konsciencigan kaj konstituantan potencialecon de la civitaneco kiu povas esti ludata de la televido, sendepende de la partikularaj celoj kiuj povas esti stimulinta tian orientiĝon.

(Daniel Herz, aŭtoro de la libro "A História Secreta da Rede Globo")

ESPERANTO

## LIGUE-SE À LIGA

A Liga Brasileira de Esperanto informa sobre o valor de adesões para 1993: **Categoria Sócio Contribuinte** - valor correspondente a 150 selos para carta comum, **Categoria Estudante** até 30 anos paga a metade do valor acima. São aceitas contribuições expontâneas para a **Fundação Almada**, com valor mínimo igual a 26 dólares no paralelo. Tal contribuição é específica para a aquisição de nova sede. Para a adesão à UEA (Universala Esperanto-Asocio), uma das categorias é a MA-Membro Abonanto: 48 florins (1 florim = 65% do dólar comercial). A mesma dá direito ao recebimento do "Jarlibro" (Anuário), às 11 edições mensais da revista "Esperanto" e, se menor de 30 anos, às 3 edições quadrimestrais da revista "Kontakto". A Liga mantém também um serviço de assinatura de periódicos. Dentre eles destacamos:

**El Popola Ĉinio** - a revista esperantista de maior circulação no mundo inteiro. Matérias diversas sobre a cultura e o cotidiano chinês, com belas ilustrações a cores. Assinatura: 11 edições mensais por 22,15 florins.

**Esperanto** - órgão oficial da UEA. Matérias diversas sobre o movimento esperantista internacional: 11 edições mensais por 28 florins.

**Heroldo de Esperanto** - jornal sobre o movimento esperantista, cultura e atualidades científicas. 16 edições por ano: 56 florins.

/cont.




"Ĉesu plendi! Vi ĉiam diris, ke vi volas translokiĝi al tiu flanko de la la urbo!"







Bildo 1: "Pro amo kaj respekto al la deziroj de mia kara edzino, mi promesas ĉesi trinki alkoholajn trinkaĵojn." Bildo 2: "Almenaŭ dum kelka tempo!"

LIGUE-SE À LIGA/ cont.

**Kontakto** - Órgão oficial da TEJO-Tutmonda Esperantista Junulara Organizo. Textos simplificados sobre atualidades, recomendável para iniciantes. 3 edições quadrimestrais por 14 florins.

**La Gazeto** - A mais importante revista cultural esperantista, 5 vezes ao ano, 58 florins.

**Monato** - A mais importante revista esperantista de atualidades, com colaboradores do mundo inteiro. 11 edições mensais por 64 florins.

Envie os valores correspondentes por cheque nominal à

**BRAZILA ESPERANTO-LIGO**
Caixa Postal 3625, CEP 70084, Brasília (DF) Tel: 226-1298




**29ª BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO**
**12-17/07/1993**
**ESPERANTO-ASOCIO DE SAN-PAÛLO**
**Rua Faustolo, 124 - 05041 - São Paulo - SP**
**BRAZILA ESPERANTO-LIGO**
**Caixa Postal 3625 - 70084 - Brasília, DF**

POEZIO

## AMIKO

Phil Bosmans

Vi kapablas elteni kaj
travivi ĉion, se staras apud vi
amiko, ankaŭ se tiu ĉi ne
povas fari pli ol diri
vorton aŭ premi manon.
Amiko en via vivo estas kiel
pano kaj vino, bonfaro.
Amiko estas vere homa boneco
en kiu vi sentas signon
de dia boneco.
Kredu al mi, la klara respondo
de socia helpanto, psikiatro,
la plej bonintenca helpo
de oficiala organizo
por "homoj en problemoj"
ne tiom valoras
kiel la simpla gesto, la
la elkora
vorto de amiko aŭ amikino.
Temas pri la plej simpla
homa boneco,
en kiu alia homo trovas ŝirmon!

## Vivo

Mi prenas harpon kaj ĝin ludas
Kaj kantas himnon al la viv'.
Se mornaj pensoj sin altrudas,
Mi prenas harpon kaj ĝin ludas.
Se iu pesimist' aludas,
Ke mankas al ni perspektiv',
Mi prenas harpon kaj ĝin ludas
Kaj kantas himnon al la viv'.

(Arturs Ku[illegible]ieks)



## LA GRAMATIK(L)A PUNKTO

### ADJEKTO

Estas nomata 'adjekto' en frazo ĉiu cirkonstanco, kiu ĉirkaŭas la fakton, agon aŭ staton esprimitan de la predikato; ekzemple: "En frazo oni distingas la ĉefelementon aŭ predikaton, kaj eventuale la subjekton, la objekton, la adjekton kaj ties epitetojn kaj suplementojn."

Ĉi-supre 'En frazo' estas lok-adjekto kaj 'eventuale' temp-adjekto. Ĉar tre diversaj povas esti la cirkonstancoj, ankaŭ same la adjektoj.

I) TEMP-ADJEKTO

La tempo estas esprimata de la verbo (Zeitwort – tempovorto) sed ĝeneralamaniere: futuro, prezenco, preterito kaj predikto, imperfekto, perfekto. Nu, tempo ofte bezonas precizecon, kaj ĝuste tion indikas temp-adjektoj.

La plej simpla formo de tempadjekto estas **adverba**: ŝi 'tuj' venos; li 'nun' venas; ĝi 'ĵus' venis. Sed ankaŭ multaj aliaj estas uzataj, kiel: tiam; ĉiam; iam; neniam; eterne...

- estontece: baldaŭ; morgaŭ; venontatempe; postmomente; posttage; postsemajne...ktp
- estantece: momente; nuntempe; hodiaŭ; ĉi-tage; nune; ĉi-hore; ĉi-minute; ĉi-sekunde...ktp
- estintece: hieraŭ; antaŭtage; antaŭmomente; antaŭsemajne; antaŭmonate; antaŭminute...ktp

Tre kutima kaj preciza formo estas **prepozitiva**: 'en' la tempo de...

antaŭ - indikas tempon pli fruan ol: li venis antaŭ du tagoj; antaŭ nelonge...

ĉe - precizigas, ke tio okazas en la momento de: ŝi alvenis ĉe la subiro de la suno...

ĉirkaŭ - proksimume en la momento de: ĝi okazis ĉirkaŭ la tagmezo...

de - montras la komencan tempopunkton: de du horoj li promenas...(kun insisto) 'jam' de du horoj... *La plena analiza gramatiko* precizigas jenajn nuancojn pri la kunmetaĵoj: ekde = de-komence de; de post = de-fine de.

dum - indikas daŭron: dum la manĝado venas apetito. (Z)

en - estas uzata por tagoj, monatoj, sezonoj kaj jaroj: tio okazis en majo; en lundo matene (Z)

ĝis - montras la finan tempopunkton: de mateno ĝis vespero li promenis...

je - estas uzata por festotagoj kaj horoj: li ellitiĝis je la kvina matene; ŝi ferios je Pentekosto...

por - montras estontan tempodaŭron: por du semajnoj li estos for...

post - indikas tempon pli malfruan ol: post arda suno falis pluvo (kun insisto: 'tuj' post...)

tra - insistas pri daŭro: la koko krias tra la tuta nokto. (Z)

Ne malofta formo estas la **akuzativa**: ĉu por tempopunkto (Vaŝington estis naskita la dudekduan de Februaro (F); aŭ por daŭro (li dormis la tutan nokton); aŭ por nombra tempadjekto (ŝi revenis tri fojojn; tio estis farita unu fojon por ĉiam!)

Sed ne malpli ofta formo estas ankaŭ **propozicia**, subordigita al ĉefpropozicio pere de subjunkcio posttempa, samtempa aŭ antaŭtempa:

- 'Antaŭ ol' li alvenis, li anoncis sian alvenon...
- 'Antaŭ ol' foriri, li salutis ĉiujn...
- 'Kiam' li kantas, ekpluvas!
- 'Post kiam' li paroladis, ektondris aplaŭdo!

Same pere de subjunkcio de komenca, fina aŭ daŭra tempo:

- 'De kiam' li lernis la lingvon, li ĝojis pri la vivo!
- 'Ĝis' li spertis mem la aferon, li ne volis kredi la raporton.
- Li nekonscie ludis per siaj fingroj, 'dum' li paroladis...

Tiel tempadjekto povas esti **adverba, akuzativa, prepozitiva aŭ propozicia.**

EKZERCO - (Komparu diversajn sinonimojn de la adverbo 'nun') Nune; ĉi-momente; ĉi-minute. Hodiaŭ; ĉi-tage; ĉi-hore. Nuntempe; en la nuna tempo; en la hodiaŭa tempo.

*J.T.*

LA GAZETO – n-ro 27 - 30apr90

ESPERANTO
## KIEL DIRI?

Avaliar = taksi
Chamada = nom-vokado
Charque = sek-viando
Estádio = stadiono
Namorado(a) = amat(in)o
Nota (esc.) = grado
Pechinchar = marĉandi
Sabonete = tualeta sapo
Sesta = siesto
Torcedor = fervoranto

FAMULOJ
## LA SPRITECO DE CHURCHILL



**Churchill**

Iam deputitino Bessie Braddock diris al Churchill dum vespermanĝo: "Vi estas iu drinkemulo!" "Kaj vi estas malbela", li diris rebate, "sed matene mi estos sobra." Churchill estis iu ĉampiono je la arto transformi vortojn en spadon... Alifoje Bernard Shaw sendis al li enir-biletojn por la debuto de unu el siaj teatraĵoj dirante: "Unu por vi kaj alia por amiko via, se vi hazarde havas unu." Churchill havis kompromison tiunokte kaj petis biletojn por la sekvanta tago: "se hazarde estos dua nokto."

## ESPERANTO-SEMINARIO EN ARGENTINO

En "Villa Carlos Paz", turismejo je 437 km for de Rosario, Argentino. 8-11 aprilo 1993. Prelego kaj debato pri informado kaj instruado de E-o. Prelego pri scienco X Esperanto. Publika prelego hispanlingve pri E-o. Jarkunveno de AEL. Artkunveno en E-o. Turisma promenado. Kontakton kun Argentina Esperanto-Ligo, casilla Correo 407, 2600 Venado Tuerto, Argentino.

KRONIKO

# GAUCHIDADE E SEPARATISMO/ GAŬĈECO KAJ APARTIĜISMO

MOACYR SCLIAR

Na imprensa do centro do País o Rio Grande do Sul é frequentemente associado a notícias pitorescas, aquelas que, no passado, tinham como personagens os mineiros que compravam bondes. O que corresponde também àquele poema de Ascenso Ferreira, que fala do gaúcho galopando pelo pampa, riscando o chão com as esporas — para quê?, pergunta o poeta no final.

Esta visão do Estado não é de hoje, e fez com que os gaúchos, habitantes da ponta do Brasil, se sentissem marginalizados, quando não desprezados. O que explica muitos projetos separatistas. O separatismo, aliás, não é invenção gaúcha; separatismo sempre houve na América Latina e até na Península Ibérica, que, na obra famosa de José Saramago, desprendia-se da Europa e saía a flutuar pelo oceano como uma jangada de pedra. Separatismo existe hoje em nosso balcanizado mundo. Um país que conta com algo chamado República de Alagoas não poderia escapar a ele.

Mas o gaúcho não é um isolacionista, como poderia sugerir a imagem de cavaleiro solitário do pampa. Ao contrário, a cultura gaúcha é a cultura da confraternização; todos seus hábitos, o churrasco, o chimarrão, são hábitos coletivos. E a imagem dos peões reunidos no galpão, contando causos enquanto a chaleira chia no fogo, é bem ilustrativa desta vocação para o convívio.

O separatismo não é pois inerente à condição do gaúcho. É apenas um sinal adicional do mal-estar na cultura brasileira. É o Brasil como um todo que precisa reaprender a arte do convívio. O Brasil todo é que está precisando de uma rodada de chimarrão.



En la gazetaro de la landcentro Rio Grande do Sul estas ofte asociigita al pitoreskaj novaĵoj - tiaj kiaj en la pasinteco havis kiel roluloj la Minas Gerais-anojn kiuj aĉetis tramojn. Kio respondas al tiu poemo de Ascenso Ferreira, kiu parolas pri la galopanta gaŭĉo tra la pampo strekante la teron per la spronoj - por kio?, demandas la poeto en la fino.

Tia bildo pri la Ŝtato jam estas de longa tempo, kaj igis, ke la gaŭĉoj, loĝantoj en la "pinto" de Brazilo, sentis sin marĝenigitaj, almenaŭ malestimataj. Kio klarigas pri multaj projektoj pri apartiĝismo. Alie la apartiĝismo ne estas ia gaŭĉa inventaĵo; apartiĝismo ĉiam estis en Latin-Ameriko kaj eĉ en la Ibera Duoninsulo, kiu, en la fama verkaĵo de José Saramago, liberiĝis el Eŭropo kaj ekflosis tra la oceano kiel ŝton-floso. Apartiĝismo ekzistas hodiaŭe en nia balkaneska mondo. Iu lando kiu "kalkulas" je io nomata Respubliko de Alagoas ne povus eskapi al ĝi.

Sed la gaŭĉo ne estas izolisto, kiel povus sugesti la imagon de soleca kavaliro de la pampo. Male, la gaŭĉa kulturo estas la kulturo de la kunfratiĝo; ĉiuj ĝiaj kutimoj, la bov-rostaĵo, la mateo-trinkaĵo estas kolektivaj kutimoj. Kaj la bildo de la bien-laboristoj reunigitaj en la remizo rakontantaj popol-rakontojn dum la bolpoto knaras sur la fajro, bone ilustras tiun emon al la kunvivado.

La apartiĝismo ne estas do esence propra de la karaktero de la gaŭĉo. Ĝi estas nur iu aldona simptomo de la malbonfarto en la brazila kulturo. Estas Brazilo kiel tuto kiu bezonas relerni la arton de la kunviveco. La tuta Brazilo estas ĝuste tiu, kiu bezonas iun mateo-trinkadon.